1935

# La Revuo Orienta

JARO XVI N-RO 6 JUNIO

エ・ス・ペ・ラ・ン・ト・研・究

JAPANA ESPERANTO-INSTITUTO

AMANOHAŜIDATE, "CIELA PONTO", UNU EL LA TRIO DE BELEGAJ PEJZAĜOJ EN JAPANUJO



# LA REVUO ORIENTA 目次

JARO XVI, N-RO 6, JUNIO, 1935

JARO XVI, N-RO 6 JUNIO, 1935

LA REVUO ORIENTA

# EL PAPERKORBO
## DE GRAMATIKULO

( 4 )

K. OSSAKA

### XIV. „ Uncommon Noun “

... En iu angla lernejo ĉe gramatika leciono la instruisto klarigas pri „ common noun “ (komuna substantivo) kaj demandas al unu el la lernantoj, al kiu kategorio de la substantivoj apartenas la vorto „ trousers “ (pantalono). La bubo demandita kuraĝe respondas: „ Ĝi estas , uncommon noun ‘ (nekomuna = eksterordinara substantivo).“

„ Kio? Kial ĝi tia estas? “ demandas la instruisto mirigita. „ Ĉar ĝi estas unu-nombra ĉe la supro kaj multenombra ĉe la malsupro “ estis la respondo ...

Dum en la angla lingvo tiaj „ uncommon “-substantivoj staras en multenombro, en Esperanto ili havas la formon unu-nombran, ĉar ĉiu el la objektoj estas farita en unu peco.

**scissors = tondilo**
**tongs = fajroprenilo** (*)
**drawers = kalsono**
**stairs** (a flight of) = **ŝtuparo**

Ekzistas tamen esceptoj:

(1) **Okulvitroj** (ekz. FII 50/21). Kvankam la du vitropecoj estas kunigita per ponteto, oni uzas la formon pluralan, kredeble pro tio, ke vitroj mem estas apartigitaj, unu antaŭ ĉiu okulo, kaj ankaŭ ke oni tiel kontrastigas kontraŭ monoklo. Oni tamen uzas la vorton „ nazumo “ en unu-nombro.

(2) **ŝelkoj.** Kvankam la modernaj ŝelkoj konsistas el du limenoj kunigitaj en unu ĉe ĝia unu fino, ŝajnas al mi, en malnova tempo oni uzis ŝelkojn konsistantajn el du apartaj limenoj:

Inter ili troviĝis pli ol unu, kiu en tiu posttagmezo povis iri nur kun unu ŝelko. (FIII 44/7)

Rimarko (*): En Japanujo ni uzas fajroprenilon konsistantan el du apartaj ferbastonetoj, sed en Eŭropo ĝi estas forĝita en unu peco en la formo de U. Tamen mi kredas, ke ni povas nomi la japanajn ankaŭ „ fajroprenilo “, ĉar paro da bastonoj faras per la tuto unu ilon ...

### XV. Kvanta vorto kiel Subjekto.

... Ĉu ni metu en unu-nombro aŭ en multenombro predikatan adjektivon rilatantan al subjekto de la formo: *kiom da, multe da, kelke da,* aŭ similaj? Ĉe Zamenhof la uzado estas varianta.

(a) En multenombro:

*Multe* da larmoj estis *ploritaj* pri la mortinta birdo. (FI 97/-4)

Mi povas presi la vortaron nur en tiom da ekzempleroj, *kiom* estos *menditaj.* (OV 179/-14)

La *plimulto* da ili estis *forlogitaj* de la ideo. (OV 420/8)

Sed *parto* el ili estis *formitaj* kiel boteloj por ĉampano, parto kiel boteloj por biero, kaj tio estas granda diferenco. (FIII 101/-1)

Kaj tie ĉi estis *akceptitaj* jam *multe* da tre gravaj gastoj. (OV 381/28)

(b) En unu-nombro.

*Multe* da arto kaj penoj estis *eluzita.* (FII 105/9)

Kia grandega *multo* da provoj estis *farita* en tiu ĉi direkto. (FK 288/18)

Rim.: En tiu ĉi lasta ekzemplo Z. kredeble uzis adjektivon en ununombra formo pro tio, ke la substantiveco de la subjekto „multo" elmontriĝas emfaze pro la apudesto de epiteta adjektivo „grandega".

De la vidpunkto de pura logikeco (aŭ gramatikeco) oni devus en tia okazo uzi adverbon, ĉar en Esperanto oni uzas adjektivon por modifi nur substantivon aŭ pronomon kaj en ceteraj okazoj oni uzas adverbon; ekzemple:

Morto estas terura.
Morti estas terure. (La adverbo „terure" por predikati la verbon „morti")
Neĝe blanka. („Neĝe" modifas la adjektivon „blanka")
Terure rapide.
Trioble kvin. („Trioble", ĉar ĝi modifas la numeralon „kvin").
Estas varme. (ĉi tie „varme", ĉar ĝi havas neniun substantivon por modifi.)

Tial, kiam adverbo (ekzemple „multe") estas la subjekto ni devus uzi adverbon por predikato, kaj kiam la subjekto estas substantivo (ekz. „multo"), tiam ni devus uzi adjektivan formon ununombran por la predikato:

*Multe* da gastoj estas *akceptite*.
*Multo* da gastoj estas *akceptita*.

Sed en praktika lingvo, kia estas Esperanto, lingvosento devas pli gravi ol tro teoria logikeco. El la supre cititaj ekzemploj Zamenhofaj mi do konklude kuraĝus konsili al la Esperanto-lernantoj:

Kiam kvanta adverbo („kiom, multe, kelke da, k. s.) aŭ kvanta substantivo („multo, kelko da, k. s.) estas subjekto, ni pli bone uzu por la predikato adjektivan formon multenombran, ĉar ĝenerale en tiaj okazoj la substantivo, kiu estas la komplemento de la prepozicio „da", falas tiel forte en niajn okulojn, ke ni emas subkonscii, ke ĝi estus kvazaŭ la subjekto, kaj ke la kvanta vorto kun „da" estus per la tuto simpla adjektivo.

*Multe da* (=*Multaj*) gastoj estas *akceptitaj*.

Tion ĉi pravigus de la alia flanko la sekvanta ekzemplo Zamenhofa:

Ili lernis tiun ĉi lingvon en la daŭro de *iaj* kelke da *semajnoj*. (FK 288/18)

Kompreneble oni ne devas kondamni la uzon de ununombra formo adjektiva en la okazo, en kiu kvanta substantivo (ekz. „multo" da) estas la subjekto, precipe, kiam ĝi apudhavas kvalitigan vorton kaj tiel emfazata, ĉar en Esperanto oni ankaŭ devas ŝati la logikecon. Ekz.

*Grandega multo* da gastoj estas *akceptita*.

---

(*Daŭrigo de la paĝo 163*)

Usono? Kio estas fratinoj kaj Sadako, kiujn ŝi devas zorgi? Kio estas maltrankvilo ĝeninta ŝin? Kio estas sia memfiero, kiun ŝi ĝis nun alte tenis? Ili ĉiuj rompiĝis kaj dispeciĝis.

„Ĉion mi faros, kian ajn humilon mi volonte akceptos, se mi akiros nur Kuraĉi, se mi sola posedos Kuraĉi..."

Jooko pensadis senorde premante sian kapon per mano kaj rigardante sin en la spegulo. Nun ŝia penso fine venis al la stranga anestezio tra multaj labirintoj de rememoroj. Nu, ŝi stariĝis de la sofo, kiel bela cervino, kaj ridetis tremante de korpoŝanĝiĝo en la estanta momento detranĉita de estinto kaj estonto. (*El la Bukedo, N-ro 1*)

# TAKETORI-MONOGATARI

( 1 )

Aŭtoro nekonata
Eljapanigis Masami Igaraŝi

*Rimarko de la tradukinto: Taketori-monogatari estas unu el fame konataj japanaj klasikaĵo kaj precipe ĝi havas grandan valoron kiel prapatro de rakontoj kaj romanoj en japana literaturo. Ĝi estas romano verkita en la deka jarcento en fabela formo kaj tra la tuta verko abunde fluas eleganta burleskeco. La stilo kaj la esprimo estas tre simplaj kaj naivaj. En la originalo ni nun trovas multajn variantojn. Mi tradukis la romanon laŭ la teksto de Iŭanami-Biblioteko, ĉar mi opinias, ke ĝi estas la plej fidinda.*

## I. Kreskako de Kaguja-hime.

Iam vivis maljuna bambuaĵisto. Ĉiutage li sin okupis je hakado de bambuoj en montoj kaj kampoj, kaj la bambuojn li uzis por ĉiaj bezonoj. Sanuki-no-Mijacukomaro estis lia nomo.

Iun tagon dum la laborado inter la bambuoj li hazarde trovis unu trunkon lume-brilantan. Kun miro li alproksimiĝis ĝin kaj ekvidis, ke la lumo brilas el ĝia tubo. Rigardinte pli atente, li trovis, ke interne sidas tre bela knabineto kun staturo de ĉirkaŭ tri coloj. La maljunulo diris al si: «Ĉar tiu ĉi sidas en unu el la bambuoj' kiujn mi hakadas ĉiutage, mi nun eksciis, ke ŝi estas destinita fariĝi mia filino.» Li metis ŝin sur sian manon kaj portante ŝin revenis al sia hejmo. Poste la maljunulino, lia edzino, komencis ŝin nutri. Ho, belega knabineto! Ŝi estis tiel malgranda, ke oni devis ŝin meti en korbeton por nutri.

Depost eltrovo de l' infaneto, dum la hakado ofte la maljunulo trovis bambuojn kun oro en ĉiuj siaj internaj malplenaĵoj inter nodoj. Kaj tiel riĉaĵoj ĉiam pli kaj pli amasiĝis ĉe li.

Dume, en varma nutrado, la infaneto kreskis kaj grandiĝis tiel rapide, ke post la daŭro de tri monatoj ŝi jam elkreskis per sia staturo kaj grandeco tute sama kiel ordinara knabino. Oni do preparis al ŝi aranĝi la harojn kaj vesti sin per la kostumo ĉe knabino. Kaj oni tiel varme kaj garde ŝin nutris kaj vartis, ke oni neniam lasis ŝin eksteren el la kurteno de la ĉambro.

Nekompareble nobla estis ŝia vizaĝo! Ĉie en la domo estis nur lume kaj nenie mallume. Kiam la maljunulon atakis aŭ sufero, aŭ doloro, ĝi ĉiam tute foriĝis de li post intervido kun la knabineto, kaj eĉ kolero malaperis pro ŝia konsolo. La maljunulo travivis ankoraŭ multajn jarojn plu en bambuhakado, kaj plipotenca li fariĝis.

La knabineto sufiĉe kreskis jam plenmature, kaj oni venigis Imbe-no-Akita en Mimuroto kaj elektis al ŝi la nomon. Najotake-no-Kaguja-hime (Brilantino el Bambueto) estis ŝia nomo donita de Akita. Tiam dum tri tagoj oni havis festenon. Ĉiaj ludoj prezentiĝis. Ne nur viroj, sed ankaŭ virinoj invitiĝis kaj oni festenis en plena gratulado.

## II. Edziĝopeto.

Pro la famo viroj en la mondo, ĉu nobelaj, ĉu malaltklasaj, vane penadis por peti la manon de Kaguja-hime kaj por vidi ŝin. Vidi ŝin ja estis tute malfacile eĉ por la najbaroj. Spite tion, ili ne dormis trankvile ĉiun nokton kaj veninte al ŝia domo en malluma nokto, ili rigardis en la domon, jen de tie, jen de ĉi tie, truinte tra la barilon. De tiam oni ekuzis vorton "jobai".[1]

Ili ĉirkaŭvagadis tie, kie nek bruo, nek voĉo aŭdiĝis. Estis tute ĉiam vane. Ili intencis alparoli la familianojn, sed estis ĉiam senresponde. Multaj altklasuloj ne foriĝis de ĉirkaŭ ŝia domo, eĉ pasigis noktojn kaj tagojn tie. Tamen frivolaj el ili fine ĉesis vagodi, ĉar senrezulta restis la vagado. Inter ili troviĝis kvin sinjoroj famaj kiel amaĵistoj, kiuj ankoraŭ daŭre vagis tie tage kaj nokte kun ĉiam ardanta pasio. Ili estis Princo Iŝicukuri kaj Princo Kuramoĉi, Udaiĵin[2] Abe-no-Miuŝi, Dainagon[3] Ootomo-no-Mijuki kaj Ĉuunagon[4] Isonokami-no-Maro.

Ili ĉiuj estis amaĵistoj kaj ili ĉiam volis vidi iun ajn el multaj virinoj en la mondo ĉiufoje kiam ili nur aŭdis ke ŝi estas iom bela; tial ili tutkore volis vidi la fraŭlino Kaguja-hime kaj suferadis pro tio, eĉ ne prenante manĝaĵojn. Daŭre ili venis ŝian domon kaj vagis kaj staris ĉirkaŭ ĝi, sed estis ĉiam vane. Leterojn ili skribis al ŝi, sed neniam venis respondo. Ampoemojn ili verkis al ŝi, sed neniu poemo venis returne. Tiele, vanaj estis ĉiuj klopodoj, sed ili daŭrigis la vizitadon. Tion povis malhelpi nek frosta malvarmego dum vintro, nek severa varmego dum somero.

Ĉiu el la sinjoroj foje venigis al si la bambuaĵiston kaj petis genuiĝinte antaŭ li kaj frotante la manojn:

«Donu vian filinon al mi.»

«Ŝi ne estas mia naskito,» li respondis, «kaj do ni ne povas edzinigi ŝin laŭ mia dispono.»

Tiel pasis tagoj kaj monatoj. *(daŭrigota)*

[Notoj] 1) "jobai": "voki" kaj "ama renkonto." Ĉar amanto ŝteliras sola kaj *vokas* sian amatinon el ŝia domo tre sekrete, kiam li volas havi kun ŝi *aman renkonton.*

2) Udaiĵin: laŭlitere: la dekstra ministro. Altranga ŝtatoficisto.

3) Dainagon: laŭlitere: la granda konsilanto de l' Ŝtato.

4) Ĉuunagon: laŭlitere: la meza konsilanto de l' Ŝtato.

---

(*Daŭrigo de la paĝo 158*)

venĝemo. Plie la koncernanto mem kuraĝas sin fieri kiel veron. Kontraŭe mia novelo havas nenian inklinon, kiu disvastigas tian malbonan influon. Plie ĝi laŭdas fine la feliĉon de la heroino.

Ĉ. Vi ŝercas. Ĉiuokaze mi ne volas akcepti tian novelon en nia gazeto.

J. Ĉu? Do mi donos ĝin al alia gazeto. En la vasta mondo oni trovos almenaŭ unu gazeton, kiu akceptas mian insiston.

La fakto, ke tiu ĉi interparolado estis tie ĉi publikigita, pruvas ke la espero de Tacukiĉi ne eraris. ——(Fino)——

# UNU NOVELO DE AMO AŬ LA AMO ESTAS LA PLEJ BONA

de Rjuunosuke Akutagaŭa.
Tradukita de Keikiti Kawada.

Akceptoĉambro de la oficejo de viringazeto.

ĈEFREDAKTORO, grasega ĉirkaŭ 40-jara sinjoro.

JASUKIĈI, treege malgrasa, bona kontrasto al la grasega ĉefredaktoro, ĉirkaŭ 30-jara, ne facile priskribebla viro, — fakte oni hezitus nomi lin „sinjoro."

Ĉefredaktoro: Ĉu vi ne volas tiun ĉi fojon skribi novelon por nia gazeto? Ni volas, ke vi estu tiel bona skribi seriozon amnovelon, kiu staras sur profunda homa naturo, ĉar la nunaj legantoj altiĝis en siaj ideoj kaj plu ne estas kontentaj kun ĝisnunaj amnoveloj.

Jasukiĉi: Jes, tion mi volas skribi. Mi havas unu novelon, kium mi volas publikigi en viringazeto.

Ĉ. Ĉu jes? Tio estas tre bona. Ni anoncos grandioze en ĵurnaloj, se vi skribos. Ni anoncos ekzemple: „ĉarmege kortuŝanta amnovelo verkita de Sinjoro Horikaŭa."

J. „Ĉarmege kortuŝanta?" La temo de mia novelo tamen estas „amo estas la plej bona el ĉiuj aferoj".

Ĉ. Tio estas laŭdado de amo, ĉu ne? Tio estas pli bona, ĉar influite de la verko „sur la moderna amo" de D-ro Kurijagaŭa, la ideo de gejunuloj inklinas al la ismo, ke la amo estas la plej bona. Vi parolos nature pri moderna amo, ĉu ne?

J. Tio estas duba. Moderna skeptiko, moderna ŝtelisto, moderna harkolorigilo — tiuj „modernaj" povus ja ekzisti, mi kredas. Sed mi pensas, ke nur amo estas ne tre ŝanĝita de la antikva tempo de Izanagi kaj Izanami, la dioj

Ĉ. Vi parolas nur sur teorio. Ekzemple, „triangula" rilato estas certe unu speco de moderna amo, almenaŭ en tiu ĉi tempo de Japanujo.

J. Ha, triangula rilato? Tio troviĝas en mia novelo. Ĉu mi resume rakontu mian novelon?

Ĉ. Tre bone, mi petas.

J. La heroino estas juna sinjorino, edzino de diplomatiisto. Ŝi loĝas, kompreneble, en domego en la ĉirkaŭurbo de Tokio. Altkreska, delikata kaj ŝi havas ĉiam siajn harojn — kian manieron de hararanĝo postulus de la heroino niaj legantoj?

Ĉ. Kredeble, tiun plektitan sur la oreloj.

J. Do, plektitaj sur la oreloj. Nn ... ŝia hararanĝo estas ĉiam plekto sur la oreloj, ŝia haŭto blanka, ŝiaj okuloj serenaj, ŝiaj lipoj havas formon neregulan. Se tio estus kinematografa prezentado, certe F-ino Sumiko Kuriŝima taŭgus por ŝi. Ŝia edzo, diplomatiisto estas novtempa homo, gradigito ĉe jura fakultato de universitato, tial li ne estas konservativulo, kian oni ofte trovas en novtempa tragedio. Kiam studento,

li estis ĉampiono de basbalo. Krome li estas malhelkolora, bela viro, kiu legas ankaŭ novelojn por sin amuzi. La novaj geedzoj vivas feliĉe en Jamanote kaj iras kelkafoje kune al koncerto aŭ promenas sur Ginza-strato.

Ĉ. Tio okazis certe antaŭ la Granda Tertremo, mi esperas.

J. Jes, longe antaŭ la tertremo. Ili iras kelkafoje kune al koncerto aŭ promenas sur Ginza-strato, aŭ sub agrabla lampo elektra en sia eŭropmaniera ĉambro ili sillente interridetas al si reciproke. La heroino nomas tiun eŭropmanieran ĉambron „nia nesto." Sur la muro pendas refaraĵoj de Renoir, Sésanne kaj troviĝas fortepiano kun brilantaj nigraj flankoj. Potplantita kokoso malsupren etendas siajn foliojn.

Se oni supozus, ke ilia vivo ŝajnas tre aristokrata, sed la luprezo de la domo estas tute malkara.

Ĉ. Vi ne donus tian klarigon en la novelo, mi supozas.

J. Jes, tio estas necesa. La salajro de juna diplomatiisto estas ne tre alta, kiel vi scias.

Ĉ. Do faru lin filo de nobelo, prefere—de grafo aŭ vicgrafo. Pr nco aŭ markizo ial ne ofte aperas en novelo.

J. Li do estu filo de grafo, se vi volas. Necesas nur, ke li havu eŭropmanieran ĉambron. Mi volas komenci en la unua ĉapitro per la eŭropmaniera ĉambro aŭ per Ginza-strato aŭ per koncerto.

Kaj Taeko — tio estas la nomo de la heroino — perdis sian trankvilecon, iom post iom, de tiam, kiam ŝi intimiĝis kun Tacuo, muzikisto. Tacuo enamiĝis en Taeko — tiel la heroino intuiciis.

Plie ŝia maltrankvileco pligrandiĝas tago post tago.

Ĉ. Kia viro li estas?

J. Tacuo havas talenton en muziko. Li estas tiel granda genio, ke oni povas kompari lin kun la kuniĝo de Jean Christophe skribita de Roman Rolan kaj Daniel Nauthaft skribita de Wassermann.

Sed neniu ankoraŭ lin konas nur pro tio, ke li estas malriĉa aŭ ial.

Mi volas preni mian amikon por la modelo de tiu viro. Tamen mia amiko estas bela, sed Tacuo estas ne bela. Li similas al gorilo ĉe la unua rigardo kaj li estas sovaĝulo naskita en la Tohoku-distrikto. Sed nur liaj okuloj havas brileton de geniulo. Liaj okuloj estas kompareblaj kun unu fajra amaso de karbo, kiu enhavas senĉesan varmecon.

Ĉ. Geniulo estos certe akceptata de la legantoj kun ĝojo.

J. Sed Taeko estas ne malkontenta kun la edzo, diplomatiisto. Ŝi ja amas lin eĉ multe pli ol antaŭe. La edzo ankaŭ kredas Taekon, oni ne bezonas tion diri, ĉar ĝi estas tute natura afero. Pro tio la sufero de Taeko nur grandiĝas pli kaj pli.

Ĉ Tia estas la moderna amo, pri kiu mi diris.

J. Tacuo eniras la eŭropmaniere meblitan ĉambron ĉiuvespere tuj post la eklumiĝo de elektra lampo. Kiam la edzo ĉeestas, Taeko ne suferas tiel grande, sed li venis ankaŭ tiam, kiam ŝi estis nur sola.

Tiuokaze Taeko estis devigita lasi lin nur ludi la pianon. Cetere neniam okazis ke li ne sidiĝis ĉe la piano, eĉ kiam la edzo ĉeestis.

Ĉ. Ĉu ili falos en amon post nelonge?

J. Ne. Facile ili ne falas. Sed iun vesperon de Februaro Tacuo ekludis subite „la kanton al Sylvia“ de Schubert. La kanto enhavas tian pasion kiel fluanta flamo. Taeko aŭskultis sub la folioj de granda kokoso. Starante tiel ŝi eksentas amon al Tacuo iom post iom. Kaj samtempe ŝi ankaŭ eksentas orkoloran tenton, kiu aperas antaŭ ŝiaj okuloj. Post 5 minutoj — ne, nur post unu minuto, ŝi estus ĵetinta sian korpon en la brakojn de Tacuo. Ĝuste tiam, kiam la muziko estis finiĝanta, revenis la edzo dank' al Dio.

Ĉ. Kio sekve?

J. Ĉirkaŭ unu semajnon post tio Taeko decidas sin mortigi, ne tolerante turmentiĝon. Tamen ŝi ne havas la kuraĝon fari tion pro tio ke ŝi estis graveda ĝuste tiam. Tial ŝi malkaŝas al sia edzo ke ŝi estas amata de Tacuo. Sed ŝi ne malkaŝas ke ŝi ankaŭ amas Tacuon por ne turmenti sian edzon.

Ĉ. Ĉu duelo okazas post tio?

J. Ne. La edzo rifuzas malvarmkore la viziton, kiam Tacuo venis ĉe li. Tacuo rigardas silente nur la pianon mordetante lian lipon. Taeko starante ekster la pordo haltigas silentan ploron. — Apenaŭ 2 monatojn post tio, laŭ ordono registara la edzo transiras subite al la konsulejo de Hankoo en Ĥinujo.

Ĉ. Ĉu Taeko iras kune kun li?

J. Kompreneble ili iras kune. Sed antaŭ la ekvojaĝo Taeko skribas unu leteron al Tacuo, „Mi kompatas vin, sed mi povas nenion fari. Ni rezignaciu tion, kiel fatalon.“ Ŝi skribis tiel entute. De tiu tempo Taeko neniam renkontis Tacuon ĝis hodiaŭ.

Ĉ. Ĉu la novelo do finiĝas tiel?

J. Ne. Iom restas. Taeko rememoras kelkafoje pri Tacuo ankaŭ post ŝi alvenis al Hankoo. Plie ŝi ekpensadas ke ŝi amas Tatuon pli multe ol sian edzon. Aŭskultu! Kio ĉirkaŭis Taekon, estas nur la soleca pejzaĝo de Hankoo. Tio estas la pejzaĝo, pri kiu kantis Cujhaŭ en Tang-epoko:

Sur la bordo de hela rivero staras saliko,
Herbaro kreskas dense en la insulo.

Taeko skribis finfine ankoraŭ unu fojon al Tacuo post ĉirkaŭ unu jaro. „Mi amis vin kaj mi amas vin eĉ nun. Bonvole kompatu min, kiu trompadis sin mem.“ Tio estas la enhavo de ŝia letero.

Tacuo, kiu ricevis ĝin, . . .

Ĉ. Li vojaĝas tuj al Ĥinujo, ĉu ne?

J. Tio estas tute ne ebla. Ĉar li ludas pianon ĉiuokaze en kinematografejo por vivi.

Ĉ. Tio estas proza.

J. Ne povas esti alie, malgraŭ proza. Tacuo malfermas la leteron de Taeko ĉe l' tablo

de iu kafejo malgranda. Ekster la fenestro pluvas. Tacuo rigardas la leteron kvazaŭ memforgesinte. Li sentas ke li vidas la eŭropmaniere meblitan ĉambron de Taeko inter la linioj. Li sentas ke li vidas „nian neston,“ en kiu lampo spegulas sin sur la kovrilo de piano.

Ĉ. Iom mankas al tio, mi pensas, sed ĉiuokaze ĝi estas majstraĵo lastatempa. Nepre skribu ĝin.

J. Iom restas ja . . .

Ĉ. Ho, ankoraŭ ne fininiĝas?

J. Ne. Dum la tempo Tacuo ekridas. Kaj li ekkrias tuj abomene „al la diablo!“

Ĉ. Li freneziĝis, ĉu ne?

J. Ne, li ne povas toleri la sensencaĵon. Li ne toleris tion kompreneble, ĉar li ne amis denature tute Taekon de la komenco.

Ĉ. Sed, tio do . . .

J. Tacuo iris al Taeko nur por ludi pianon. Unuvorte li amis nur la pianon. Ĉiuokaze malriĉa Tacuo ne havas la monon por aĉeti pianon.

Ĉ. Sed tamen, S-ro Horikaŭa.

J. Li estis iom feliĉa dum la tempo, kiam li povis ludi pianon en kinematografejo. Li estas policano depost la lasta tertremo. Kiam la protektmovado okazis, li estis batata de bonaj Tokianoj.

Se li tamen aŭdas ludadon de piano, kiam li patroladas en Jamanote-kvartaloj, li sopiras senesperan feliĉon haltante ekster la domo.

Ĉ. Do via novelo . . .?

J. Nun aŭskultu min. Taeko pensadas pri Tacuo en la loĝejo de Hankoo kiel antaŭe. Ne nur en Hankoo sed ankaŭ en Ŝanhajo, Pekino aŭ Tjencino, kien sia edzo, diplomatisto, transiras, ŝi pensadis pri Tacuo ĉiam.

Kompreneble en la tempo de la tertremo ŝi havas jam multe da idoj.

Do ĉar ŝi naskis dufoje dunaskitojn en du jaroj, ŝi havas jam kvar idojn. Plie la edzo jam fariĝis granda drinkemulo. Sed Taeko, grasiĝinte kiel porko, pensadas ke Tacuo estis la sola viro, kun kiu ŝi amadis vere reciproke. Amo estas ja la plej bona, ĉu ne? Alie oni ne povas estiĝi feliĉa kiel Taeko. Almenaŭ oni ne povas ne abomeni la kotan vojon de la homa vivo.

Kiel vi pensas pri tia novelo?

Ĉ. S-ro Horikaŭa, ĉu vi do estas serioza?

J. Kompreneble mi estas serioza. Bonvole rigardu la amnovelojn ordinarajn. Ĉiu heroino estas Mario aŭ Kleopatro. Sed la heroino de homa vivo ne ĉiam estas ĉastulino nek ĉiam malĉastulino. Supozu ke troviĝas eĉ unu homo el honestaj legantoj, kiu akceptus tian novelon kiel veron.

Se amo estas tamen sukcese satigita, la afero estas tute alia, sed en la okazo de amperdo oni faros nepre sensencan sinoferon aŭ alie aperigos pli sensencan

(*Al la paĝo 151*)

# Stellan Engholm en Leteroj

Tutomu Maeda



S-ro Sinha, S-ino Engholm, S-ro Engholm

Mi skribis al iu Thunell — juna sveda laboristo — laŭ anonceto eble en Heroldo. Responde venis bela bildkarto, kiu montras pejzaĝon de Svedlando. Preskaŭ samtempe venis ankaŭ maŝinskribita longa letero, kiun sendis lia esperantoinstruinto. La sendinto estis Stellan Engholm. Tio okazis en la somero de 1928 — jam antaŭ sep jaroj. De tiam vera seninterrompa korespondado.

Li antaŭe estis laboristo kaj nun estas instruisto de popollernejo en iu ferminejo ĉirkaŭita de densa, senhoma arbaro — tia ĉirkaŭaĵo tre konvenas al li. Li estas laŭ mia juĝo instruita naturhomo. Lia familio — li kaj lia edzino — vivas tie kun geknaboj kaj laboras por sia lernejo, la kooperativa movadon, verkoj kaj tradukoj. Ĉu li apartenas al iu socialista movado? Jen respondo: "Kvankam mi kelkafoje verkas por socialistaj gazetoj, mi ne apartenas al iu el tiuj movadoj.... Mi staras sole, tamen laboras laŭpove."

Mi jam sendis al li kelkajn japanajn dramojn kaj novelojn. Liaj kritikoj venis. Jen pri la dramo de Ĉikamacu (Monzaemon): "Tiuj dramoj sen ia dubo apartenas al la malmultaj vere grandaj verkoj de la mondliteraturo. Kaj estas interese vidi, kiom tiaj vere grandaj kaj daŭraj verkoj similas unu al la aliaj rilate la priskribon de la homoj kaj en opinioj pri la homa vivo. Verdire en ĉefaĵoj la homoj ĉie kaj ĉiam similas unuj al aliaj. Ekzistas diversaj rasoj, diversaj kutimoj, sed tamen la sama spirito loĝas en ĉiuj. Kaj la ĝojoj, la esperoj, la zorgoj, la doloroj estas esence la samaj ĉe ĉiuj homoj." Due pri "Kusamakura" de Nacume: "Mi legis kvin ĉapitrojn en ĝi kaj ankoraŭ ne povas juĝi pri la enhavo. Sed ĉiuokaze estas tre bele kaj interese. Legi tion estas por mi kvazaŭ veni al fremda lando, kun kiu mi antaŭe tamen iom konatiĝis — spirite — kaj tial mi ne sentas fremdecon tie, nur ĝojon pro novtrovita beleco. Mi diras tion ĉefe pri la delikata poezio kaj pri same delikataj rezonado kaj filozofio. Estas homo kun profunda kulturo, kiu skribis tion; inter la t. n. modernaj libroj, amerikaj, anglaj ktp. — kiujn mi cetere preskaŭ ne legas — tia libro, kia estas Kusamakura, aperas kiel revelacio. Mi parolas nur pri stilo, esprimomaniero kaj pri la spirito, kiu respeguliĝas en tio. Pri la libro kiel tuto mi poste skribos."

Pri siaj tri originalaj verkoj, kiujn japanaj esperantistoj konas, li jene parolas. Unue pri "Al Torento." "Kiel vi diras, kelkaj recenzistoj laŭdis ĝin. Laŭ mia opinio ili troigas la literaturan valoron — kiel ordinare en esperantaj recenzoj.... Cetere la lasta duono de la libro devus esti multe pli longa por sufiĉe pentri la socian vivon ktp. La libro devus esti romano, sed tiom ampleksan libron mi ne estus povinta eldoni, kaj pro tio mi devis limigi la rakonton kaj fari nuran skizon. Sed estas iom strange al mi. La

# Unu Ĉapitro el "Iu Virino"

(La ĉapitro deksesa)

Originalo de Takeo Ariŝima
Tradukita de Yosio Kaneko

Droninte en la malordo de l' sento stranga kaj konfuzita kvazaŭ ŝi vagadus inter la morto kaj la vivo, Jooko revenis kun ŝanceliĝantaj paŝoj de la ĉambro de l' ĉefoficisto al sia kajuto, perdinte sian tutan forton, falis sur la sofon. La vizaĝo havis plumbokoloron, kun malluma haloeto ĉirkaŭis la okulojn, kaj la pupilo jam perdis forton akomodi lumon. Estis senbrilaj kaj neordinare blankaj la dentoj videblaj tra iom malfermitaj lipoj, kaj etendiĝis ĝis la oreloj stranga beleco, kvazaŭ de morto. En profundo de la brusto, kiu antaŭ momentoj senlimajn sentojn elfluigis kiel fonto dum neĝdegelado, nun precipitiĝis malluma malĝojo.

Jooko vane penis eligi sin el tia stranga stato de l' animo, kvankam ĝi ne havis doloron netolereblan. De tempo al tempo ŝi jen duone vekiĝis, jen denove subite enfalis en teruran abismon de anestezio, kiel malsanulo de stomakkrampfo, injektite per morfino, senkonscie grimacas pro intermita doloro, kaj enprofundiĝis en dormadon kiel sub terura forto de narkotaĵo. Jam la mano de ŝia volo ne atingis profundon de ŝia falanta koro,

---

recenzistoj vidas en ĝi nur la belarton. La problemon, kiun mi provis bildigi per tiu rakonto, ili ŝajne tute ne atentis aŭ eĉ ne rimarkis. Mi volis simbole esprimi kelkajn pensojn pri la nuntempaj homoj." Nun pri "Homoj sur la Tero." "Estis interese aŭdi pri vialandaj recenzoj pri Homoj sur la Tero. Kompreneble en tiu libro estas multaj aferoj, kiuj ne estas bone kompreneblaj aŭ ne havas sencon por fremdlandaj legantoj. Ĝi ne estis verkata por la internacia publiko. Ĝi estas traduko—aŭ eble pli bone diri reskribo—de verko, kiun mi skribis svede. Cetere la libro ne tute plaĉas al mi mem, ĝi ne estas ellaborita." Laste pri "Infanoj en Torento." "Ke la libreto konsistas el izolitaj faktoj ankaŭ estas laŭintence. Mi ne volis fari romanon, por ke mi ne skribu tro multe da sensencaj aŭ malgravaj aferoj. Tial mi verkis nur bildojn, aludojn. Same kiel ĉe japanaj poemetoj — almenaŭ rilate al ni okcidentanoj — la leganto devas mem serĉi la ĉefan enhavon, kiun aludas la malmultaj vortoj. Kompreneble vi plene pravas en tio, ke ĝenerala arta dekorado kunligu la diversajn partojn de belliteratura verko Vere tio mankas, sed la libro estas intencita nur kiel skizo."

Multajn materialojn por priskribi lin mi havas, tamen tro multo ĝenus vin. Nur iomete pli: li tre ŝatas gustumi verdan teon japanan, dirante, ke iel la teo ŝajnas al li pli pura ol aliaj trinkaĵoj. Foje li vizitis malgrandan japanan pentroarteksponzicion en Stokholmo kaj eltrovis la famajn tri kajerojn de "Cent Figuroj de Monto Huĵi" en nigro kaj blanko de Hokusai. Lia raviĝo tiama estis tiel granda, ke li ne povis sin deteni aĉeti ilin. Tio estus freneza afero almenaŭ laŭ lia ekonomia cirkonstanco — tiel li mem skribis Koncize li estas serioza kaj laborema.

kiel ajn ŝi etendis ĝin. Ŝia febra kapo pleniĝis je flava nebulo, kaj en siaj okuloj trakuradas ruĝa kaj blua lumoj, akre pikante ŝiajn nervojn. Sufoka sceno ĉimatena kaj ĉiuj rememoroj en estinteco aperadis sinsekve kaj intermiksite, sed ili kaŭzis nenian emocion en sia koro kaj malaperis senbrue kaj vante kiel malproksima eĥo. Ne hezitante vidi tian grandan diferencon inter sia koro en estanteco kaj en estinteco, ŝi lasis sin flosi laŭ la malrapida fluo de senespera malĝojo, kiu alfluas al malluma forgeso. Iom post iom la palpebroj kovris malfermitajn okulojn pezajn per larmoj kaj ekeliĝas el inter la duone malfermitoj lipoj mallaŭta ronko, kvazaŭ ĝemo. Tion malklare konsciante, Jooko falis en profundan sensonĝan dormon sur la sofo kuŝante sur la ventro.

Pasis iom da tempo en dormo. Subite Jooko vekikiĝis frapita de tia surprizo kvazaŭ ŝia koro rompiĝus, kaj levis sian kapon. Pro pika doloro en la kapo kaj fajra lumego en la ĉambro, ŝi ne povis malfermi okulojn iom da tempo. Al ŝi ŝajnis ke jam ĉirkaŭ tagmego; dume bruego tremigis la tutan ŝipon, kvazaŭ fulmotondro. Ŝi aŭskultis kun frapanta koro al ĝi. Tremo, ĉu de l' ŝipo aŭ de ŝia korpo mem, skuis ŝian tutan korpon kiel foliojn sur maro. Post momento kiam la bruego iom mallaŭtiĝis, ŝi distingis vaporan fajfadon, kiun ŝi ne kutimis depost en Jokohamo. Kvarantenejo proksimiĝis! Ŝi ordigante sian vestaĵon kaj starante sur siaj genuoj, rigardis eksteren tra la fenestro.

La ĉielo ĝis ĉi tiu mateno plenigita de pluvnuboj jam heliĝis kaj indigokolore briladis de sunlumo. Vidiĝis rokoza bordo de insulo kun pinarboj nature kaj bele dismetitaj, kaj sur dolĉaj ondoj de golfeto nun marŝas Eĵima-maru kun frapanta bruo de maŝino. Tie troviĝis trankvileco de homa rifuĝejo, kiun oni ne povis serĉi en sovaĝa maro. Proksime de la bordo sintrovis dometo kun blanka muro. Apud ĝi brita nacia standardo flirtis je facila vento en blua ĉielo. Tie estas kvarantenejo! Kun tiu konscio, la cerbo klariĝis kvazaŭ ĵus naskita kaj aperis antaŭ ŝi ĉiuj estintaĵoj en siaj formoj kunligate kun ŝi estanta Jooko turmentiĝis je atakoj de tiuj fantomoj, kiuj elpuŝiĝis kvazaŭ el la pejzaĝo antaŭ ŝi, kaj sinturnante de la fenestro ree falis sur la sofon. Ŝia cerbo ekpenis vigle por ordigi la pensojn subite amasiĝantajn. Premante tempion per sia mano kaj rigardante sin en spegulego, Jooko pretiĝis batali kun ili.

Jooko ne povis ne konscii, ke fine ŝi venis ĝis ekstremo de terura krutaĵo, ke ŝi ĵetis sin en ĝin senpripense kaj nur pro instinkto; "Iru pluen la vojon, kiun mi elektis persvadite de parencoj, sur kiu nun mi estas al Ameriko . . . edziniĝi kun Kimura! Puŝiĝu en la nekonatan socion de Ameriko, kaj tie trovu longe serĉitan veran "min" . . . tio povas esti mia dua naskiĝo! Provu kian pozicion mi kiel virino povas akiri en Usono, kie oni taksas virinon alimaniere ol en Japanujo. La tero kaj tempo, kie kaj kiam mi naskiĝis, ne konvenas por mi. Povas esti alia loko kaj tempo, kiuj al mi estas konformaj. Tie kaj tiam mia forto meritas eĉ reĝinan kronon. Elserĉu la lokon dum mia vivo. Tiam mi venĝu min al la virinoj, kiuj antaŭe flatadis ĉirkaŭ mi kaj poste perfidinte min vivas senhonte, pripensante pri mi plu neniam kaj nenie. En mia juneco mi devas plenumiĝin. Kimura ne estas tia viro, kiu povas helpi mian entreprenon . . . tamen almenaŭ li povus sekvi min; antaŭe Jooko pensis tiel.

Iu maltrankvilo, iu disreviĝo, kiujn depost Japan-Ĉina Milito forte sentis virinoj en ŝia aĝo, peze premis ankaŭ ŝian koron. Tiam ŝi, kiel ribelantino, senkonscie donis agitadon en sentoj de knabinoj ĉirkaŭ si, tamen eĉ si mem nur embarasiĝis, malbenis ĉirkaŭaĵojn, kaj ne povis alie konduti ol laŭ sia volo, laŭ sia kaprico. Ŝi agadis kun blinda fido, ke ŝi estas ankoraŭ sovaĝa sed havas akran ageman talenton, posedas delikaton korpon kaj bruligan pasion, kiuj estas fortaj bataliloj de virino, (samtempe ili povus esti malfortaj punktoj de virino). Tamen, la terura malamiko, kiu turmentas Jookon vekiĝintan je sento de l' epoko, estis viro. Pro ĝi Jooko multfoje erarepaŝis kaj falis, sed neniu helpis starigi ŝin.

"Antaŭ ol riproĉi mian malbonecon, plenumu vian devon korekti ĝin."

Jooko volis ĵeti tiujn vortojn antaŭ la mondon. Viro subpreminte virinon en mizeran sklavecon, jam ne estas honesta kiel Adamo en antikveco. Li estas tre ĝentila dum ŝi estas obeema, sed li fariĝas subite terura tirano, kiam ŝi deziras iom leviĝi. Eĉ virino mem kontentas esti servanto de viro. Jooko profunde suferis tion de sia knabineco. Tiel jam estis perdita en ŝi knabina koro, kiam ŝi en sia dekokjara aĝo versis la unuan virinan amon sur Kokjoo Kibe. Tamen la momenta flamo de amo bruliganta ĉion estis ekflamigita nur de antagonismo kontraŭ subpremo de ekstera mondo, kaj sekve ĝi tuj ekmallumis kaj estingiĝis malĝoje kaj vane, kiam la premoj malfortiĝis kaj malproksimiĝis. Tiam ŝi devis rigardi sian amon kaj amaton malvarme kaj kritike. Malespero kaj disreviĝo! Kiam ŝi estis devigata konscii, ke ŝia koro kiu jam renkontadis multfoje trompadon de viroj kaj kontraŭ malkaŝigis ĝin kaj penetris en viran koron profunden, nun estas enkatenita je koro de Kibe, kiu estas malŝatinde malriĉa kaj simpla en reala mondo, kvankam ĝi afpektis kuraĝa kaj vigla en revo, ke ŝia vivo fine velkos ĉenligate kun tiu duonmaturulo, tiam ŝi korpotreme malesperiĝis kaj disreviĝis kaj diris adiaŭon al li.

Ĉiuj spertoj nur avertis ŝin pri la danĝero de kateno de viro. Tamen naturo estas tre petolema kaj malica! tiam Jooko jam ne povis vivi eĉ momenton sen viro. Ŝi enfermis sin en dilemon, ke ŝi ne povis serĉi fonton de ĝojo de vivo alie ol en viro, kiu pereigos eĉ ŝian vivon mem, kiel malsanulo, kiu erare prenis arsenikon, malgraŭ konscio pri ĝia terura veneneco, ne povas vivi sen ĝi. Ŝi, kvazaŭ sorĉa araneo, rikanis kaj streĉadis reton por la viroj, kiuj kun flamanta deziro de karno kolektiĝis ĉirkaŭ ŝi allogite de aromo eligita de ŝia korpo. Ŝi kaptadis ĉiujn virojn alproksimiĝantajn. Ŝia koro fariĝis pli kaj pli kauela, ne konsciante tion. Kiel sorĉistino-araneo ŝi streĉadis ĉiutage belan reton nur por deziro de vivo. Al tiuj, kiuj ne povas alproksimiĝi al ŝi kaj moke bruegas de malproksime, ŝi ĵetis nur malvarman rigardon, kvazaŭ al ŝtonoj ne rilatantaj al ŝi.

Tamen, verdire, ŝi ne povis agi alimaniere ol agi laŭnecese.

Por Jooko nenio estis pli malbela kaj malsaĝa, ol la mondo, kiu neniam komprenas ŝin. Por Jooko, parencoj estis avaruloj kaj malnobluloj; la patro estis kompatinda kaj malfeliĉa viro, la patrino... estas ĉiam plej proksime de Jooko kaj pro tio Jooko sentis

en ŝi malamikinon kun kiu ŝi ne povas kunsidi. La patrino povis fandi sian filinon en novan tipon, sed ne sciis rimedon plue trakti ŝin. Kiam la karaktero de Jooko kreskis en la tipo de la patrino, la patrino staris malhelpe en la vojo de sia filino, kvazaŭ sorĉistino malamas sorĉforton pli altan ol ŝia. Nu malamo kaj batalo inter ili sekvis kaj dank' al tio la karaktero de Jooko multiĝis je malbelo kaj fleksebleco. Tamen la patrino; ŝi ekstere riproĉis ŝian agon, sed interne plej bone komprenis ŝin. Jooko ne povis ne s nti ja strange sopiran amon al ŝi. Post la morto de l' patrino ŝi profunde sentis sin tute sola. Kun ĉiam streĉita koro kaj gajeco elŝprucanta el malespero, ŝi vagadis de viro al viro serĉante plezuron, kiel birdeto de branco al branĉo serĉas frukton. Tamen maltrankvilo subite atakadis kaj faligis ŝin en senfundan marĉon de malĝojo.

" Pli soleca mi estas, ol ligneto alfluigita al sovaĝa marbordo. Pli malgaja mi estas ol velkinta folieto falanta je malvarma vento. Neniun vivon krom tia, ĉu mi meritas? Neniu viro ĉu min rigardas sincere?" De tempo al tempo ŝi tiel pensis pri si mem. Tiam, ŝi vizitis suĉigistinon aŭ Uĉida en Oocuka. Tamen kiam ŝi foriras de ili, malĝojo pli profundiĝis en la koro. Fine ŝi enpuŝis sin denove serĉante volupton inter viroj. Sed en la momento kiam viro malkaŝas sian malforton antaŭ ŝ', ŝi kiel aloganta reĝino, turnis sian dorson al la kaptito kaj malbenis la okazintaĵon kiel inkubon. Ĉiam kaptaĵo de ŝia aventuro estas sentaŭgulo, ŝi malĝojis tion.

Tamen fine cedante al nevenkebla maltrankvilo, ŝi elektis kaptiton Kimura kiel sian edzon. Se, ŝi klopodos ĉiel, ŝi povus vivi kun li kiel ordinara edzino, iam ŝi persvadis sin tiel. Sed tia fuŝe fiikita pensmaniero neniel povis longe malpezigi ŝian maltrankvilon; Kimura fariĝus forlasito aŭ malhelpaĵo en la vivo, kiun ŝi avidas en Usono.

Penso de Jooko ĉiam ŝanceliĝadis malgraŭ ke ŝi enŝipiĝis kun decido edz niĝi kun Kimura. Ŝi longe tenis sinĝene knabinecan heziton, kiel knabino hezitas ĉu ŝi forĵeti aŭ enmeti en keston pupon rompitan je brakoj kaj kruroj.

En tiu okazo subite aperis Kuraĉi, la ĉefoficisto de Eĵima-maru. En la momento, kiam ŝi unuafoje vidis tiun brutan viron sur la ferdeko de Eĵima-maru en Jokohamo, ŝi fulme sentis superecon de tiu viro. Se sorto favorus lin, li ne estus ĉefoficisto de tia malgranda ŝipo. Kiel mi, li naskiĝis kaj vivas en por li nekovena mondo... pensante pri si mem, ŝi simpatiis kaj samtempe turmentiĝis je li. Ŝi, kiu ĝis nun laŭvole kondutis antaŭ ĉiu, antaŭ li senkonscie metis afekton sur sian karakteron. Antaŭ li ŝi kondutis kontraŭ sia volo. Antaŭ li ŝi nur deziris absolutan obeon. Stranga deziro, ke ŝi vere ekflamu unuafoje en sia vivo batfrapite de li, okupis ŝian korpon. Tamen ŝi devas konduti ekstere indiferente al li. Sed enua kaj indiferenta sintenado de la ĉefoficisto vundis ŝian koron forte. Li estas malvarme senzorge, eĉ kiam ŝi diris aŭ faris spiritaĵon kaj altiris ĉiujn al ŝi. Ŝi malamis lin; Estas terure, ke la malamo tagon post tago fortiĝis, sed ŝi neniel povis deteni sin de ĝi.

Tamen ŝi fine renkontis la okazintaĵon hodiaŭmatenan. Ŝi enĵetis sin blinde en la teruran abismon. La mondo subite ŝanĝiĝis antaŭ ŝi. Kio estas Kimura? Kio estas

(*Al la paĝo 152*)

